# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

31a jaro Novembro - Decembro 1979 N-ro 6

DIVERSSPECAJ N.S.-MOTORTRAJNOJ

**de maldekstre al dekstre: dizelelektra - elektra (1946) elektra (1964) elektra (1975.**

## MALFERMITA LETERO AL LA REDAKTORO

Estimata Redaktoro,

En IF n-ro 5 mi legis en via "Libera Tribuno" leteron de G.G. pri niaj IFEF-kongresoj. Ĉar laŭ mia opinio nia kara Greta iomete eraras pri kelkaj aferoj permesu al mi akcenti kelkajn faktojn pri la venonta IFEF-kongreso en Nederlando.

- unue: LKK ne limigis aŭ limigos la nombron de la partoprenontoj, ni nur devos decidi jam antaŭ la 1a de januaro 1980 kiom da bangaloj ni bezonas! Post tiu dato ni pagu neutilan monon por pligrandigi aŭ malpligrandigi la nombron.

- due: dum la kongres-semajno ni certe ne vivos en izoleco, ĉar krom la kongresanoj certe estos kelkaj centoj da aliaj vizitantoj en la granda bangalaro! LKK nur klare indikis, ke, vivante en tiu bangalaro, ne estos facile ekzemple fari unu tagan ekskurson al la turistaj allogaĵoj en la okcidenta parto de Nederlando!

- trie: Laŭ nia opinio la novbakitaj esperantistoj, ankaŭ la junuloj, havos unikan eblecon movi sin inter spertaj eksterlandaj esperantistoj kaj ne nur aŭdante ilin dum kunsidoj, sed ankaŭ dum pli amikaj babiladoj en la naĝejo, en la trinkejo, en la keglejo, dum promenadoj ktp. Mi opinias, ke niaj junuloj tion bezonas!

Pri la prezoj mi nur volas diri, ke tio estas ege malfacila afero. La hotelprezoj dum la lastaj jaroj tiel rapide plialtiĝis en multaj landoj (en Germanio dum la lasta GEFA-jarkunveno mi pagis por du-lita ĉambro DM 138 por unu nokto!), ke tio estos grava malhelpo estontece por organizi kongresojn en urboj (aparta problemo estas, ke ofte la hoteloj ne estas pretaj rezervigi tiom da ĉambroj sen antaŭpagado).

Junuloj, kiuj vere devas ŝpareme kalkuli pri la restado prefere vizitu kun aliaj junuloj, kanpadejojn, la TEJO-aranĝojn ktp, sed ni devas priatenti niajn aliajn membrojn!

Ne vizitu la IFEF-kongresojn pro "hejtigita banejo", sed pro la Esperanto-etoso dum ĉiuj niaj aktivecoj!

Wim van Leeuwen
(sekr. LKK en Nederlando)

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse. Wienerstr.121, D-6000 Frankfurt/Main 70- GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550 - DK 9800 Hjørring - DANIO

# 32a IFEF KONGRESO EN NEDERLANDO

(16 - 22 de majo 1980)

La kongreso okazos sub aŭspicioj de:
- lande: B.S.S.O. (FISAIC-sekcio Nederlanda)
- internacie: FISAIC.

La kongreso okazos en America (L.) en la bangalaro "Het Meerdal" de "Sporthuis Centrum". "Het Meerdal" situas en unu el la plej arbarriĉaj regionoj de Nederlando.

En la honora komitato estas: inĝ. D.S. Tuynman, ministro de Trafiko kaj Akvostato, Drs. L.F. Ploeger, prezidant-direktoro de la Nederlandaj Fervojoj, S-ro A.L.G. Steeghs, urbestro de la komunumo Horst, s-ro F.A.H. Caris, honorprezidanto de B.S.S.O. (Nederlanda FISAIC-sekcio), s-ro W.J. van Meeteren, prezidanto de la asocia personarkonsilantaro de la Nederlandaj Fervojoj.

Kotizo.
Pro kelkaj favoraj cirkonstancoj LKK decidis, ke la kongreskotizoj, kiuj validas laŭ la aliĝilo ĝis 15.12.1979 ankaŭ validas ĝis la 1-a de marto 1980! Do respektive:

| | |
|---|---|
| por dungito kaj pensiulo | gld 60.- |
| por edzino kaj junulo | gld 30.- |
| por ne-IFEF-membro | gld 75.- |

(post la 1-a de marto laŭ la aliĝilo).

Ekskurso.
La klarigoj en Esperanto en la Nacia Kariljona Muzeo, Asten, dum nia vizito okazos de la fama Antverpena kariljonisto kaj Esperantisto, s-ro Jo Haazen. Li estas fakulo.

Honora Komitato.
S-ro F.A.H. Caris, prezidinto de BSSO estas nomumita Honora Prezidanto de BSSO.

Adreso de LKK: 32a IFEF-kongreso Julianaplein 2, NL-1097 DN Amsterdam.

Aliĝis al la Honora Komitato:
S-ro W.F. van Meeteren, prezidanto de la Entreprena Konsilio de la Nederlanda Fervoja Kompanio.

Manĝajo.
Tiu, kiu volas uzi dum la kongreso Sensalan aŭ Vegetaran manĝaĵojn, bonvolu mencii tion sur la aliĝilo.

Delegacio al la Komunumestro de Horst.
La komunumestro de Horst, s-ro A.L.G. Steeghs invitis delegacion de la 32a IFEF-kongreso viziti lin en lia konsilantejo. La ejo ne estas tiom granda, ke li povas inviti ĉiujn kongresanojn. Ni do devas limigi la nombron ĝis 34 personoj.

BONVOLU ATENTI PRI LA LIMDATOJ POR ALIĜI AL LA 32a IFEF-KONGRESO.

LKK

KONGRESVOJAĜANTOJ ATENTU!

La nederlanda stacio Horst-Sevenum, en kies proksimeco troviĝas la loko de la 32-a IFEF-kongreso, ne estas indikita kiel stacio de la internacia pasaĝertrafiko. Pro tio ne eblas ricevi en bileteldonejoj ekster Nederlando direktajn biletojn tien. Kongresanoj, kiuj devos pagi la plenan aŭ reduktitan veturprezon, aĉetu bileton ĝis la tarifstacio Helmond aŭ Venlo, inter kiuj situas Horst-Sevenum, se ili ne preferas aĉeti la

bileton pere de la nederlanda trajnpersonaro por la nederlandaj linioj. Tio estas rekomendinde precipe por kongresanoj vojaĝante tra Venlo.

W. Barnickel

Pri ĉiuj aliaj Kongres-informoj bonvolu legi IF n-ron 5 - p. 59/60.



# NACIA KARILJONA MUZEO

ASTEN N.B.

Ĉu iam .....
sonorilon vi svingis?
per veraj sonoriloj vi bimbamis?
kariljonon vi ludis?

Eblo kaj permeso ekzistas en nia muzeo!

Sed vi povos ankaŭ kviete restadi ĉe sonoriletoj kaj tintiloj: el la epoko Mosea, de la antikvaj Ĉinoj, de la Hinduo-Javanoj, de la Inkaoj ktp.

Sed precipe vi ĝuos vidon kaj aŭdon de: Belegaj mezepokaj sonoriloj, riĉasonaj malnovaj kariljonoj, fascinaj turhorloĝoj kaj imponaj ludotamburoj!

Sekcio Arkeologio.
Tiuj grandaj tursonoriloj el bronzo kun sia profunda voĉo estiĝis ne sorĉe. Longan historion ili havas. Antaŭ minimume trimil jaroj metiĝis la bazo por tiu sonriĉo. Siajn kantojn la antikvaj Ĉinoj akompanis per i.a. la tintado de sonoriloj; la rajdantoj de Proksima Oriento, por gardi siajn multekostajn ĉevalojn de katastrofoj, pendigis sonoriletojn sur ties kolojn. Tiam kaj tie la bazo de la arto sonorilmulda estis metita.

Sekcio Voksonoriloj.
Kiam en 754 la loĝantaroj de Utrecht kaj Mainz arde disputis pri la demando, kie la ĵusmurdita Bonifaco estu enterigita, sonorilo eksvingiĝis el si mem, kiel signo de Dio. Tion diras la legendo. La voksonorilo sen ia dubo estas kreitaĵo de la okcidenta kristanismo. Sen la pasia strebado al plibeligo de la liturgia servado la voksonorilo verŝajne neniam estus fariĝinta kio ĝi estas! Sed poste ankaŭ en profana jura sistemo ĝi ne estis mankipova. Proklami leĝon, sen svingado de la urba sonorilo estis neimagebla; eldiri verdikton sen tiu aŭdebla substreko per la sonorilo sencon ne havis. Post pluaj kvincent jaroj de la historio ni eble iom ridas pri la mezepokano. Ĉar pripensu nur, li krome sur siajn sonorilojn muldigis, ke tiuj kapablas forpeli la peston kaj rompi la fulmon! La sonorilo laŭlitere kaj metafore estis aĵo konsiderinda! Ju pli peza, des pli bela, ĝis en Moskvo oni eltrovis, ke sonorilo pli ol 200.000-kilograma povas esti nur signo de troa kuraĝo. Malofte ĝi sonoris; jam longe ĝi staras en Kremlo rompiĝinta.

Sekcio Etnologio.
Kun escepto de nur kelkaj la plej grandaj kaj plej pezaj sonoriloj certe estas mulditaj en Eŭropo. Sed ankaŭ je pli modesta nivelo tiu Eŭropo estas kvazaŭ unu granda kampanilo. Kiom ĝusta tio cetere estas, ĝi nepre ne estas motivo flankenŝovi kiel negravaj la plej ofte multe malpli grandajn sonorilojn kun kutime tute alia uzocelo el aliaj kontinentoj.

Tio estus grava misfaro. Precipe per sonoriloj kaj sonoriletoj el la afrika kaj orienta kulturoj oni povas konstati kiom vera estas tiu aserto.

Sekcio Kariljonoj.
Fojfoje ni estas malsimpatiaj ŝovinistoj. Posedante ion eksterordinaran, ni ankaŭ kredas nin la eltrovintoj. Povra iluzio, ĉar la kariljono, tiu kolekto da sonoriloj kun siaj melodioj, jam ekzistis aliaflanke de la terglobo kiam ni, tieldire, ankoraŭ estis barbaroj. Sed se ie en la mondo la kariljono plene evoluis, fariĝis pura muzikinstrumento, tio estis en Nederlando. Ekde la komen-

co de la 16a jarcento la urboj de la Malaltaj Landoj muldigis kvazaŭ en konkurado sennombrajn kariljonojn.

Kiom da ili ekzistas hodiaŭ, ni plu ne scias; nia nombrado konfuziĝis, sed nepre temas pri pli ol ducent. Ĉiutage ni aŭdas la kariljonon. Sed kiu ja vidis la sonorilojn, kiu vidis kiel ili estas ludataj ? Kaj ĉu iu mem provis la sonorilojn, nu, pri tio ni nur silentu.

Tiun komencan periodon - en la 16a jarcento - la kariljono grave diferencis de tiu iom pli ol jarcenton poste, kiam la famaj Francisko kaj Petro Hemony faris siajn mirakle belajn kreaĵojn. Sed perdiĝis ilia arto, ĝis en nia tempo okazis la remalkovro. Tiu evoluo estas interesega kaj instrua ĉapitro de la sonorila historio.

Sekcio Muldprocezo.
Jam longe pasis la tempo kiam ĉirkaŭstarantoj ĵetis oron kaj arĝenton en la krisolon, por ke la sonorilo fariĝu pli sonora. Tamen la muldakaj elfanda procezoj por sonorilo plu estas interesa metia lerto en epoko dum kiu mekanikigo estas daŭre pli ŝatata. Kiom da zorgo kaj kiom da tempo postulas la fabrikado de sonorilo, kaj nepre tiu de bela ekzemplero, kiom da streĉo regas ĉe la elfandado, kiam tiu tuta laboro povas vaniĝi en momento, oni vidas bildigita en la muzeo.

Longa vico da fotoj el sonorilmuldejo paŝon post paŝo sekvas la muldan kaj elfandan procezojn. Tridimensiaj modeloj de muldiloj kaj la uzata ilaro ilustras ĉi tiun reportadon. Kaj nur tiam oni ekkonscios ke tiu 16-jarcenta italo ne plene malpravis, pIendante ke sonorilmuldistoj estas homoj sombraj, ĉar seninterrompe ili dronas en zorgojn pri la bona rezultato de sia laboro .....

Sekcio Turhorloĝoj.
Pro tio ke nuntempe ni povas aĉeti brakhorloĝon por kelkaj dekoj da guldenoj, ni jam longe forgesis kiom la mezepokano rompis al si la kapon por ke li sciu la ĝustan horon. La tuta sagaco tiuperioda estis mobilizita, ĝis en la mezo de la 14a jarcento aperis la unuaj horloĝoj sur la turoj kiel centraj kaj aŭtoritataj tempo-indikiloj.

Estis la karakteriza laboro de la forĝisto, ĉar ĉiuj turhorloĝoj tiuepokaj estis forĝitaj el fero. Kaj kvaliton oni postulis, ĉar la forĝiston oni pagis laŭ la nombro da funtoj da fero! Jarcentojn poste la plej multaj el tiuj turhorloĝoj transloĝiĝis al la rubejo, finuzitaj, ĉar moderna horloĝo estas multe pli preciza. Trista fino de aĵo iam farita kun amo kaj zorgemo. Tiun amon kaj tiun zorgemon oni sentas, dum tempeto starante ĉe tia horloĝo kaj vidante kiel la radoj egalpaŝas kun la tempo.

Sekcio Ludmekanismoj.
En la 17a jarcento kariljonisto en Bruselo verkis veran panegiron pri sia kariljono, ne ĉar ĝi sonis tiel bele, sed pro tio ke la mekanismo estis tiel inĝenie elpensita, ke ĉiun kvaronhoron aŭdiĝis melodieto. La kariljono havas animon, li skribis.

Efektive la malnovaj ludmekanismoj kun siaj grandaj feraj ludtamburoj en kiujn la sonstiftoj estas metitaj, estas veraj specimenoj de teknika inventemo.

Sed ankaŭ ili iom post iom malaperas el la turoj, tiuj kolosaj mekanismoj kun grincantaj radoj kaj knarantaj vent-aloj. Sed ie, en la Nacia Kariljona Muzeo, plu staradas tiaj malnovaj ludmekanismoj, je ĉies miro kaj admiro. Unu el ili aŭdigas la melodiojn, kiel okazis en multe da turoj dum jarcentoj.
(tradukita el la muzea faldfolio de J. Ph. Punt)

## 21-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - SKISEMAJNO

I. F. E. S. - 1980

26 januaro - 2 februaro 1980 en "CASA ALPINA DEL DOPOLAVORO FERROVIARIO DI BOLOGNA" - PLAN VAL GARDENA (Bolzano) Italio.

- - - - - - - - - - - -

Organizas: IFEA, Via Donato Creti 61 - I 40128 Bologna, Italio.
poŝtkonto: 19336403 - Itala Fervojista Esperanto-Asocio "IFEA",
Via Donato Creti, 61 - I 40128 Bologna, Italio.

Plan Val Gardena situas je la piedoj de la Dolomitoj je alteco de 1600 metroj. Plan estas parto de Selva Val Gardena. La domo disponigas ĉambrojn je 2, 3, 4 litoj kun duŝo; nur malmuitajn unulitajn sen duŝo.
Prezo por la tuta restado (kompleta pensiono) italaj liroj 85.000.

Ĝeneralaj informoj.

1) Samtempe kun la aliĝilo sendu nepre italajn lirojn 20.000 persone, ĉi tiu sumo ne estas repagebla kaze de nepartopreno. Ni pritraktos nur la aliĝilojn kun tiu ĉi antaŭpago.
2) "Casa Alpina del D. L. F. de Bologna" en Plan Val Gardena, kie okazos la I. F. E. S. 1980 estas atingebla per aŭtomobilo.
Fervoje oni devos halti en Chiusa (km 28 de Plan) aŭ en Bolzano (km 45) kaj uzi la aŭtobuson, kiu veturas al Plan.
3) Ni garantias la rezervigon de la ĉambroj al tiuj, kiuj aliĝis ĝis la 1-a de oktobro 1979. Ni ne bezonas limigi la kvanton de la gepartoprenantoj, se ili ĝustatempe aliĝos.
4) Kaze ke pro eventuala plialtigo de la prezo iu deziros malmendi la restadon, li ricevos la pagitan sumon, kondiĉe ke li malmendu antaŭ la 31-a de decembro 1979.

---

### ALIĜILO.

Mi aliĝas al 21-a I. F. E. S. 80 - 26 januaro-2 februaro 1980

Familia nomo: S-ro, s-ino, f-ino ........................................

Antaŭnomo: ........................................

Strato kaj numero: ........................................

Poŝta Gvidnumero: ................ Urbo: ..........................

Lando: ..........................

Mi intencas loĝi kun ........................................

en dulita - trilita - kvarlita ĉambro

Mi intencas alveni je la (tago kaj horo) ..............................

per aŭtomobilo - per trajno en ........................

Mi deziras resti plian semajnon jes - ne (forstreku la nedeziratan)

Samtempe mi sendas la antaŭpagon de italaj liroj 20.000 al

..............................................

Dato ...................... Subskribo ..........................

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

FRANCIO.

FFEA Jarkunveno
en Loctody (Bretonio).
La franca jarkunveno okazis la 29-an kaj 30-an de septembro en bela kastelo kun vera sukceso, kiun ni ŝuldas al la bonega organizo far gesinjoroj Blondeaux.

Reprezentantoj de UAICF kaj de IFEF ĉeestis la kunvenon; ni menciu la prezidanton Giessner, la sekretariinon Kruse kaj la ĉefkomitatanon de Sutter.

Ankaŭ delegitoj de diversaj landoj transdonis la saluton de la koncernaj IFEF-sekcioj. La loka gazetaro estis invitata kaj alportis la eĥon de la kunveno, en kiu ni speciale notis ke la radio-amatoroj ek de nun uzos Esperanton kiel oficialan lingvon.

La distra flanko de tiuj tagoj konsistis el abundaj manĝaĵoj, belega folklora vespero kun tipaj bretonaj ritmoj kaj vizitoj aŭtobuse de la ravaj pejzaĝoj de tiu suda pinto de Bretonio.

La venonta kunveno de FFEA okazos la 5-an kaj 6-an de oktobro 1980 en la urbeto Vaison-la-Romaine (regiono de Avignon). Notu tiujn datojn.

G. Delaquaize

ITALIO.

Esperanto en "Ferbo-79" (Fervojo Bologna 1979).
Dimanĉon 4-11-1979 ĉe la kinejo "Settebello" okazis Esperanta Manifestacio en la kadro de ampleksa prezentado pri kulturo, arto, libertempo "Ferbo 79" organizita de "Dopolavoro Ferroviario" de Bologna sub aŭspicioj de la Urba Komunumo pere de ekspozicioj malfermataj al publiko de la 24-10-1979 ĝis la 4-11-1979 ĉe la sidejo de D. L. F., via Sebastiano Serlio, 25/2. En angulo de la grandega salono la bolognaj fervojistoj-esperantistoj pretigis ekspozicion de Esperanta materialo, precipe libroj kaj gazetoj donante al la preterpasantoj interesitaj, informojn kaj propagandajn faldfoliojn.

La manifestacio, kiun prizorgis la Esperanto-grupo D. L. F. kunlabore kun la Bologna Esperanto-grupo, havis tiun ĉi programon:
10-a horo - d-ro Alberto Menabene el Romo prelegis pri la temo: "Internacia lingva problemo en la laborista medio". Debato sekvis.

11-a horo - mallonga prezentado de Esperanto-kanzonoj fare de kantaŭtoro Gianfranco Molle.

Fermis la manifestacion disdono de la diplomoj havigitaj de la Itala Instituto de Esperanto al la lernantoj de la pasintjara kurso kaj la oficiala malfermo de la novaj. Ĉeestis la regionaj parlamentanoj "Amikoj de Esperanto", lokaj kaj fervojaj aŭtoriratuloj.

Estas antaŭ-vidataj tri E-kursoj ĉe centra sekcio de D. L. F. via de Poeti, 5/2, ĉiun mardon de la 20,30 ĝis la 22 - du kursoj: unugrada kaj por progresantoj, ĉiun ĵaŭdon de la 15 ĝis la 16-30 unugrada.

Germano Gimelli

ĈEĤOSLOVAKIO.

Konferencon, kiu okazis la 13.-14. de oktobro 1979 en Praha, ĉeestis proksimume 60 ĉeestantoj. Partoprenis gastoj el Aŭstrio, Hungario, Francio, Nederlando kaj Orienta Germanio. Dum tiu kunferenco estis balotita nova estraro por la venontaj

tri jaroj. Prezidanto de fervojista sekcio estas inĝ. Ladislav Kovár.

DANIO

Esperanto en horaroj.
En la oktobra numero de DEFA-bulteno Astrid raportis pri 6 fervojaj horaroj en la telefoninformejo de DSB, en kiuj troviĝas Esperanto-klarigo.

Nun la 7-a alvenis, nome la bulgara, kiun havigis Astrid al la dejorejo pere de Esperanto-kontakto.

Do - almenaŭ en 7 fervojaj horaroj troviĝas Esperanto-teksto:

Bulgario - Ĉeĥoslovakio -Danlando - Hungario - Italio - Norvegio - Pollando.

Ĉu iu scias pri aliaj?

DEFA

HUNGARIO

Tutlanda Fervojista Esperanto-Renkontiĝo en urbo Miŝkolc.
Jam fariĝis tradicio ke hungaraj esperantistaj fervojistoj solenas la "Fervojistan Feston" en sia Esperanto-movado. Ĉijare ĝi okazis en urbo Miŝkolc de la 30-6 ĝis la 1-7. Tiun ĉi renkontiĝon partoprenis 246 en- kaj 10 eksterlandanoj.

Ĉeestis ankaŭ s-ino Elfriede Kruse, la sekretariino de IFEF. Granda honoro estas por ni ŝia vizito.

La centra rezidejo de renkontiĝo funkciis en la urba kulturcentro Sandor Ronai, kie komenciĝis la t.n. Forumo, kiun partoprenis pli ol 100 personoj. Ĝin gvidis d-ro Istvan Bacskai, la prezidanto de Fervojista Sekcio de Hungara Esperanto-Asocio. En ties kadro la diskuto temis pri la movada agado. Poste, je la 15-a, s-ro Robert Szuchy, sekretario de urba komisiono de Patriota Popolfronto malfermis Esperanto-ekspozicion. La materialo konsistis el 3 temoj: Esperanto Infanliteraturo, Esperanto Filatelio kaj Historio de Esperanto Movado en Miŝkolc.

Ĉiuj ekspozicioj akiris grandan sukceson.

Post la solena malfermo de la ekspozicio d-ro Pal Pasztor, direktoro de Miŝkolca Direkcio D Hungaraj Ŝtatfervojoj aranĝis akcepton por la eksterlandaj gastoj kaj la reprezentantoj de ŝtataj, sociaj kaj Esperantaj organoj.

Je la 17.30 en la teatra salono de la kulturcentro okazis la inaŭguro de renkontiĝo. Eksonis hungara himno; poste s-ano Halasz deklamis poemon de Sandor Petőfi: "La Fervojo". S-ro Bacskai per varmtonaj vortoj salutis la gastojn.

La solenan festparolon prezentis d-ro Pasztor, kiu inter alie emfazis, ke en Esperanto-movado la fervojistoj estas la plej entuziasmaj, sindonaj kaj atingas gravan nivelon, rezulton en la movada laboro. La hungaraj fervojistoj esperantistaj atingas gravajn meritojn ankaŭ en la internacia movado. "La montojn oni ne povas alproksimigi unu al la alia, sed la homojn ... jes".

Post la festparolo sinjorino Kruse alparolis; ŝi transdonis salutojn en la nomo de la IFEF-estraro, en la nomo de la 31-a IFEF-kongreso okazinte en finnlanda urbo Turku ĉijare kaj en ŝia propra nomo ŝi diris varmegajn vortojn.

D-ro Pethes, prezidanto de MEM, mallonge skizis la batalon por paco de hungaraj fervojistoj esperantistaj; poste li transdonis honorinsignojn de MEM kaj honordiplomojn al diversaj

kamaradoj.

Poste - en la dua parto - okazis altnivela kultur-programo kun partopreno de: virĥoro de miŝkolca vagonriparejo, la esperantistaj pioniroj de bazlernejo el vilaĝo Mariabesenyo, "Etud", danc-ensemblo de Kulturhejmo Vorosmarti kaj "avas", dancensemblo de Kulturcentro Sandor Ronai.

La spektantaro honoris ĉiujn per granda aplaŭdo.

Alitage, dimanĉe frumatene, kolektiĝis la partoprenantoj. Okazis 3 variaj ekskursoj: ĉiuj rajtis elekti laŭ sia deziro. (Aggtelek, Lillafured aŭ Miŝkolc-Tapolca).

Tiu-ĉi Tutlanda Fervojista Esperanto Renkontiĝo estis la plej bonsukcesa, altnivela ĝis nun. Tion ni ŝuldas al la sindona laboro de organizantoj, deĵorantoj, ĉiuj personoj - esperantistaj aŭ ne, kiuj partoprenis la preparon kaj aranĝadon.

Koran dankon al ili.

Janos Patay

# NI GRATULAS

La 29-an de septembro okazis en la Katedralo de Gallipoli, Italio, geedziĝa ceremonio.

Gianluigi Gimelli
kaj
Maria Teresa Nestola

donis siajn vivojn unu al la alia.

IFEF deziras al ili longan harmonian komunecon.

La estraro.

## LUMO POR KAMERUNIO

Sub ĉi-tiu titolo varbas la esperantisto J. Tuinder, Henegouwenlaan 35, NL 1966 RH Heemskerk, Nederlando, en sia "Okulmalferma informilo por vidantoj pri vidontoj" por helpo al kuraceblaj blinduloj en Kamerunio.

En Afriko vivas multaj blinduloj, kiuj "simple" ne vidas, ĉar mankas okulkuraca helpo por redoni al ili la lumon. La plej efika helpmaniero estas veturigi surradajn klinikojn. Teamo de okulspecialisto, flegistino kaj asistanto faras la necesajn operaciojn, disvastigas teknikojn kaj scion kaj donas prihigienan instruon por preventi blindecon kaj okulmalsanojn.

En Kenjo kaj Malavio jam ekzistas tia veturanta okulcentro helpe de la esperantistaro. S-ano Tuinder intencas finance subteni ankaŭ la hospitalon de Ndoungué en Kamerunio, akirintan jam certan reputacion en oftalmologio, por ke ĝi estu kapabla ekipi veturantan klinikon.

La iniciatinto volonte informas ĉiujn interesulojn kaj helpemulojn. Monon bonvolu pagi al la poŝtĉekkonto n-ro 1020100, menciante sur la slipo: Lumo por Kamerunio.

J. Schrapp
GEFA



## EŬROPAJ FERVOJOJ EN TEMPO REFRAKTA

### Impresoj pri internaciaj kunvenoj fervojaj en Hamburgo

de ĝeneraldirektoro Povl Hjelt, DSB

Nur tre malofte estis tiel klare esprimita, ke la fervojoj troviĝas en tempo refrakta, kiel okazis en aro de grandaj internaciaj kunvenoj fervojaj en Hamburgo en la fino de junio.
La kunvenoj okazis koresponde al la internacia transport-ekspozicio en Hamburgo, kie estis okazo ekkoni precipe la teknikan kapablon sur la fervoja tereno. Kiam la termino "refrakta" estas uzebla, tiam estas pli pro la ekonomiaj problemoj kaj la energi-situacio entute.
La situacio estas preskaŭ ĉie ĉiam pli kreskanta intereso pri la fervojo - precipe flanke de la klientoj.
Tion oni povas konstati flanke ankaŭ de la registaroj, sed tamen en iom varia amplekso. Precipe en landoj, kie aŭtomobila industrio ludas gravan rolon, estas treege malfacile krei decidan opinion pri la fervojaj problemoj.
Aliflanke oni povas konstati, ke sufiĉe grandaj sumoj estas uzataj por establado de novaj linioj por altaj rapidecoj. Temas pri la linioj Hannover-Würzburg, Mannheim-Stuttgart, Firenzo-Romo kaj Parizo-Liono. Entute oni planis liniojn je longeco de ĉ 6000 km.
La novaj altrapidecaj linioj unue celas la personan trafikon. Ili tamen grave influos ankaŭ la vartransportadon, ĉar la malpliuzado de la ekzistantaj linioj donos pligrandan kapaciton al ĉi tiu trafiko.
Tiel oni nuntempe ĉe DB tre celkonscie per la planitaj novaj linioj kaj alkonstruado al la ekzistantaj klopodas plibonigi la produktivecon kaj per tio plifortigi la merkatan pozicion rilate kaj la person- kaj la vartrafikon.
Kiam temas pri establigo de novaj linioj en tiaj dimensioj, kiajn oni vidas sude, Danlando ne povas konkurenci. Sed sur aliaj kampoj ni povas. Post 5 jaroj kun Intercity-trajnoj ĉe DSB, indas noti, ke la Intercity-ideo disvastiĝas al ĉiam pli da landoj kaj nun fariĝis komuna simbolo de trajnoj altkvalitaj. Lasttempe DB starigis Intercity-trajnojn ĉiuhore.

**La transport-rapideco estu pligrandigota.**

En prelego dum "La Internacia Fervojtago" en Hamburgo mi havis la okazon prezenti kelkajn vidpunktojn pri la novaj eblecoj pri vartrafiko per fervojo, interalie la decidigan signifon, ke la varoj transportiĝas kiel eble plej racie de sendinto al ricevanto. Uzante "racie" mi opinias rapide, kontentigan transportdaŭron kaj konvenan prezon. Precipe rilate la transportrapidecon la meznombro nuntempe estas multe tro malalta. La fervojoj pli bone povus plenumi la transportmerkatan bezonon, se veturus pluraj kaj pli rapidaj trajnoj, t.e. malpli grandaj kaj pli direktaj trajnoj ol ĝis nun. Ĉi tio koncernas kaj la konvencian kaj la kombinitan trafikon.
Dum la konvencia trafiko havas tendencon stagnan, la evoluo de la kombinita trafiko lasttempe estis tre favora. Tio koncernas principe la konteneran trafikon. Pro tio kelkaj registaroj kaj diversaj internaciaj organizoj, ekz EK kaj CEMT montris tre grandan intereson pri ĉi tiu trafiko.
La kombinita trafiko pruvis, ke ĝi estas pli ol transportebleco. Ĝi ebligas tre facilan ligon inter produktado, distribuado kaj stoktenado kaj per tio integriĝon en la vera produktada proceso.
Ankaŭ en la ŝosea trafiko nuntempe la tendenco estas, ke anstataŭ uzado de ŝarĝaŭtoj oni nun pli kaj pli uzas interŝanĝeblajn kamionkestojn. Per aliaj vortoj: evoluo, kiu plibonigas la kunlaboron inter fervojo kaj aŭto. Tio, kio la ISO-kontenero estas por la transmara trafiko, tio certe fariĝas la kamionkestoj kaj la "binnen" container por la puraj tertransportoj. Tamen estas evidenta, ke la estonta sukceso de la kombinita trafiko tute

dependas de la transport-kvalito oferota. Alta transport-kvalito ĉi-rilate estas treege grava, ĉar plejparte temas pri varoj multvaloraj kaj kun tio var-kategorioj, kiuj plejofte renkontas konkurencon de aŭtoj.
(El "DSB-bladet" 7/1979
tradukis Erna Hauge).

# NORDA KUNVENO

La norda Kunveno 1980 okazos en Helsingborg sabate kaj dimanĉe 80.03.29-30.

Ni kunvenos, manĝos, amuzigos nin kaj dormos en sama loko: hotelo Savoy, en la centro de la urbo.

Provizora programo:

| | | |
|---|---|---|
| Sabato: | 14.00-18.00 | Kunvenoj pri diversaj temoj. |
| | 19.00-24.00 | Vespermanĝo, poste danco ĝis la noktomezo. Ni trinkos kafon je deca tempo. |
| Dimanĉo: | 8.00 | Matenmanĝo. |
| | 08.45-11.45 | Ekskurso per aŭtobuso al Kullen (lumturo). Vizito en ceramikejo en Höganäs. |
| | 12.00-13.00 | Lunĉo en la hotelo. |

Trajno iros al Göteborg kaj Oslo: 14.10 kaj al Stockholm: 15.10 kaj 17.10. Pramoj iras al Danlando ĉiu kvaronhoro.

Prezo por la tuta aranĝo: Kafo (2 fojojn), vespermanĝo, matenmanĝo, lunĉo, ekskurso kaj tranoktado en dulita ĉambro nur 160- 175 sv.kr.
(Se OPEC aŭ Norvegio altigos la oleprezon dum la vintro eble ankaŭ ni devas altigi iomete kvankam ni ne intencas trinki aŭ manĝi oleon).

Rezervu jam nun la tagojn por la Norda Kunveno 1980!!!

------------------

La jarkunveno de SEFA 1980 okazos en Helsingborg sabate 1980-03-29 je la 11.00 horo en la stacidomo Hbc (Järnvägsgatan, proksime al hotel Savoy).

Venu multnombre al la du kunvenoj kaj renkontu la printempon en la ĉefa pordo al la kontinento.

## Gravaj enhavaĵoj



La redaktofino por la venonta IF estas 15.01.80

Preso: Esperanto-Centro, Århus.